# REGo

## ☆ RUSIA ESPERANTO-GAZETO ☆

*movada revuo* **№ 3 (100) junio 2017**



**en la numero**

*neniam publikigitaj poŝtkartoj de Zamenhof*
*novaĵoj el Ural-Siberia regiono, Tiĥvin, Moskvo*
*rememoroj, raportoj, prozaĵo, versaĵoj, tradukoj*

**Moskvo, 2017**

# enhavo





**Gratulojn!**
**La 100-a numero de REGo aperis!**

**REGo**
(Rusia Esperanto-Gazeto)
**№ 3 (100) junio 2017**
*aperadas ekde 2000*

***redaktas*** **Georgij Kokolija**
***kunredaktas*** **Viktor Aroloviĉ**
***kunlaboras*** **Maksim Griŝin**

*poŝta adreso:* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105
125310 Moskvo, Rusio
*retadreso:* gazeto@mail.ru

***abontarifoj por 2017:***
*por loĝantoj de Rusio – 850 rubloj, sendendaj al:*
Коколия Георгий Владимирович
Пятницкое шоссе 45 – 105
125310 Москва
*aŭ pagendaj al:* 410011382499386
en la pagsistemo "Яндекс.Деньги"
*por loĝantoj de aliaj landoj – 25 eŭroj pagendaj al la konto* **kklg-r** *ĉe UEA*
***elektronika abono*** *– 400 rub. (10 eŭr.)*

## URAL-SIBERIA REGIONO: NOVAJ INICIATOJ, FESTA KUNVENO EN JEKATERINBURG

30 tagoj -
30 proverboj
de Ludoviko
Zamenhof

Uralaj
esperantistoj
16. 11 - 16. 12
2016



De tago al tago ni pli kaj pli konvinkiĝas, ke la interreto influas nian vivon kaj ankaŭ Esperanto-agadon. Mi memoras, ke dum unu el UK-oj mi ĉeestis iun diskuton, kiun gvidis Anna Löwenstein k.a., kaj iu el partoprenintoj asertis tiam, ke eblos baldaŭ organizi UK-ojn kaj aliajn internaciajn aranĝojn ne ĉeestajn, sed retajn. Tiam mi skeptike rilatis al tiu aserto, ĉar malfacile povis imagi al mi tian virtualan UK-on, kaj ĝi ŝajnis al mi neinteresa kaj nealloga, ja ni plezure vojaĝas al UK-oj por ne nur partopreni iliajn aranĝojn, sed ankaŭ por konatiĝi kun diversaj landoj kaj diversaj kulturoj, por intervidiĝi kun niaj malnovaj amikoj kaj akiri la novajn. Pasis nur kelkaj jaroj, kaj mi mem proponis en la Esperanto-agado de nia Ural-Siberia regiono provi porkomputilajn formojn de la kunagado kaj okazigi kelkajn retajn Esperanto-projektojn. Unu el ĝi nomiĝis “30 tagoj kun Zamenhofaj proverboj” kaj estis sukcese realigita antaŭ la lasta Zamenhof-tago en Jekaterinburg, kaj vi povas legi pri tio en la Ural-Siberia paĝaro ĉe <https://www.ural-sib.org/eo/30-tagoj-kun-zamenhofaj-proverboj>.

Nia dua retmesaĝa projekto estas dediĉita al la 130-jariĝo de Esperanto; kaj alvokon pri ĝi kaj jam la rezultojn de ĝia unua etapo vi povas ankaŭ trovi en nia paĝaro ĉe <https://www.ural-sib.org/eo/projekto-esperanto-130>. Ĝi finiĝos meze de julio. Estas planate ĉi-jare okazigi ankaŭ la trian retmesaĝan projekton, sed ĝia temo dume restu sekreto.




Sed la 130-jara jubileo de nia lingvo iĝis ankaŭ temo de nia reala festa kunveno de esperantistoj en Jekaterinburg, kiu okazis la 7-an de majo kaj kiun partoprenis ankaŭ gastoj el najbaraj urboj: Tjumenj, Niĵnij Tagil, Revda, Sredneuralsk. Dum ĝi Aleksander Osincev kaj mi rakontis al la partoprenintoj pri lanĉo de la komuna retmesaĝa projekto “Esperanto-130”, dankis ĉiujn ĝiajn partoprenintojn, kiuj ĉeestis la kunvenon, montris la retpaĝojn, kie eblas legi ĉiujn tekstojn kaj vidi fotojn de iliaj aŭtoroj. Entute estis ricevitaj 20 mesaĝoj de 22 esperantistoj el 11 diversaj urboj. El la ideo de la projekto kreskis interesa kunago, kiam Esperanto-spertuloj kaj esperantistoj-novuloj rakontis pri la vojo, kiu venigis ilin al Esperanto kaj pri tio, kiun rolon ĝi ludas en ilia vivo. Tiuj mesaĝoj estas ne simple rakontoj kaj rememoroj, sed historia dokumento, vere valora, ĉar el tiuj eroj naskiĝas vasta bildo de la esperantista movado en Uralo dum kelkaj jardekoj kun pluraj generacioj de esperantistoj. Ni ankaŭ atentigis, ke la komuna afero daŭros kaj tiuj, kiuj ial ne sukcesis al ĝi kontribui, povas ankoraŭ sendi siajn mesaĝojn.

Post la prezentado de la projekto sekvis filmetoj pri tio, kiel aperis Esperanto, video “Mi kredas je Esperanto” kun Claude Piron, bela video “Esperanto geedzigas” k.a. Ili kombiniĝis en la programo kun Esperantaj kantoj, kiujn eblis kunkanti kaj kies tekstoj aperis ankaŭ surekrane, kaj kun deklamado de la poemoj “Nia lingvo” de Nikolao Hohlov kaj “Bonan matenon, Majstro” de William Auld. Unu el la programeroj de la aranĝo estis kvizo pri Esperanto, kiun la ĉeestantoj volonte kaj aktive partoprenis. La premion gajnis esperantistino el Niĵnij Tagil Lidija Jerofejeva.

Ankaŭ komuna fotado okazis, kaj ni gaje fotiĝis kun diverskoloraj aerbalonetoj kaj la literoj de la vorto “Esperanto” surfone de la bildo de nia renkontiĝo. Nin ĉiujn atendis bele ornamita tablo, kiun ni kune preparis anticipe, kaj ni ĝoje festenis ĉe ĝi. Dum la festeno Lidija Jerofejeva proponis la toston je la gloro de Esperanto. Ankaŭ Lena Ĥusanova tostis je la projekto “Amikumu”, kaj amikumantoj eĉ aparte fotiĝis grupe. Poste sin prezentis tri novaj esperantistoj, kiuj memstare lernas la lingvon pere de retkursoj, kaj tiu ĉi festa maja kunveno iĝis por ili la unua Esperanto-renkontiĝo, kiun ili partoprenis. Tiuj novuloj estas Sergeo Kumkov, instruisto-matematikisto el la Ŝtata Federala Universitato, Svetlana Ivanova, lernantino de la deka lerneja jaro, kaj Viktor Sisojev, kiu lernas en liceo kaj en la lerneja pentroarta studio. Tre komunikema kaj aktiva jekaterinburga triopo! Kaj ili ĉiuj strebas praktiki la lingvon.

Dum la tuta aranĝo en la aero de la kunvenejo ŝvebis printempa ĝojo malgraŭ la aĉa vetero ekstere kun la pluvego, frostiga ventego kaj eĉ neĝblovado! Nia kelkhora kunestado estis aktiva, amikema, gaja, kaj ni ĝuis nian interkomunikadon en Esperanto!

***Raja Kudrjavceva (Jekaterinburg)***



# BIBLIOTEKA NOKTO EN SURGUTO




La tutlandaj soci-klerigaj aktivaĵoj “Nokto en muzeo”, ”Nokto en biblioteko” aŭ “Nokto en teatro” iĝis lastatempe tre popularaj aranĝoj, kiuj ofertas originalajn kaj tre variajn programojn kaj ĉiam altiras multajn scivolajn vizitantojn. La ĉi-jara aprila biblioteka nokto en Surguto, okazigita de la Centra urba biblioteko “A.S. Puŝkin”, nomiĝis “Verdaj paĝoj”, ĉar la organizantoj dediĉis ĝin al la Jaro de ekologio kaj al speciale protektataj naturaj teritorioj en Rusio.

Pli ol dudek scenejoj akceptis entute kelkcent gastojn dum ĉi tiu vespero. La programafiŝo estis tiel abunda, ke estis elekteblaj kelkaj samtempe okazigataj kunvenoj. Ankaŭ la Esperanto-kursgrupeto, engaĝita en la ĝenerala programo, estis enlistigita inter klerigaj metiejoj, kaj la temo de esperantistoj “Ekologio de lingvoj” celis kongrui kun la ĝenerala temaro de la tuta biblioteka spektaklo. Ekologia lingvistiko (ekolingvistiko) estas nova moderna lingvoscienca branĉo, kies ĉefa studobjekto estas ligoj inter lingvoj, homoj kiel lingvoportantoj kaj uzantoj, kaj la ĉirkaŭa medio. La menciitaj interagoj de lingvoj, homoj kaj medio, ĉiam komplikaj kaj ofte eĉ nedemokratiaj kaj kontraŭstaraj, devas esti studataj por laŭeble preventi lavangsimilan formortadon de minoritataj lingvoj kaj por konservi la lingvan diversecon en la mondo. La aranĝo de esperantistoj en la fako de fremdlingva literaturo konkurencis kun la ekologia kvizo en la angla lingvo, gvidita de nederlanda instruisto en apuda legejo. La vizitintoj de la Esperanto-metiejo en senĝena atmosfero de kunagado diskutis pri aktualaj lingvaj problemoj, rakontis pri propraj vojaĝspertoj ka lingvaj konfuzoj, partoprenis du lingvajn kvizojn, informiĝis pri Esperanto kaj iĝis lernantoj en la Esperanta provleciono.

Kvankam similajn programojn ĉeestas plejparte homoj lingvemaj kaj lingve orientitaj, sed tamen tiuvespere por iuj la nomo Esperanto kaj la ideo pri planlingvoj iĝis revelacia malkovro. La ĉiopovaj retligoj ne povas anstataŭi senperajn interhomajn kontaktojn, kaj tre gravas, ke gastoj de la Esperanta metiejo sukcesis ne nur bonetose interkomunikiĝi, diskuti kaj interŝanĝi opiniojn, sed ankaŭ trovi novajn amikojn kaj espereble trovi vojon al Esperanto.



***Vladimir Opletajev (Surguto)***




# LA ELURBIĜO ĈIAM ATENDATA

Mi ne memoras, ekde kiam aperis tiu tradicio, sed fotoatestoj montras, ke ĉi-junie Tiĥvina Esperanto-klubo organizis la finsezonan elurbiĝon la dudekan fojon. Minimume, la dudekan.

Kiel kaj kial aperis la tradicio, mi povas nur supozi, ĉar, verŝajne, ĉio ekis dum mia loĝado en la Nordo. La esperantistoj en Tiĥvin komencas ĉiujaran agadsezonon mezseptembre. Ekde tiam kaj ĝis maja mezo en la urba kulturpalaco, ĉambro № 15 dufoje dum semajno funkcias E-kurso por komencantoj, unufoje – kurso por progresantoj; krom tio okazas ĉiumonataj klubkunvenoj kaj porokazaj gastakceptoj, festoj kaj festetoj. La intensa kluba vivo ekpaŭzas mezmaje por la tuta somero. Dum tiu paŭzo, certe, okazas foje komunaj vojaĝoj al diversaj esperantistaj aranĝoj, sed, por ke la disiĝo ne estu tro longa kaj dolora, iu proponis organizi komencjunie eksterurban festan adiaŭon kun la vica laborsezono. Ni faris provon, piedirinte al la rivero Ribeĵka, ses kilometrojn for de la urbo, kaj la provo estis sukcesa kaj ĝuplena. Tiel la junia elurbiĝo eniris la liston de tradiciaj klubaj aranĝoj. De jaro al jaro variis kvanto de la partoprenantoj – de ok ĝis dudek ses, foje partoprenis aliurbaj kaj eksterlandaj gastoj. Variis ankaŭ loko de la aranĝo – depende de humoro kaj vetero. Iujare ni renkontiĝis por iri eksterurben, sed subite la ĉielon kovris densaj nuboj kaj ekis pluvetaĉo, ne promesanta baldaŭan ŝanĝon de la vetero. Ĉu disiri



hejmen? Tute ne, ni decidis, kaj, uzante afablan inviton de la karmemora Zoja Kaĉalova, ni lokis nin en la granda ĉambro de ŝia apartamento, kaj la evento pasis, honestadire, ne malpli gaje ol en arbaro.

Do dimanĉe, la 4-an de junio, profitante ne tro varman, sed senpluvan veteron, refoje kunvenis en arbaro dek sep geklubanoj kaj unu gasta hundo. Ĉio estis antaŭpreparita apud la fama vilaĝo Astraĉa, kie en novembro 1941 la Ruĝa Armeo haltigis la naziajn trupojn, fakte savinte la sieĝitan Leningradon per tio. En ŝaŝlikujo fumetante ruĝis inkandeskaj karboj, celtabulo por sagoĵetado ("darts") estis kroĉita sur granda pino, kaj en laŭbo, konstruita de nia estimata Doktoro, pretis la festa tablo. La tradician programon ĉi-foje antaŭis gratuloj, bondeziroj kaj tostado okaze de la jubileo de Natalia Rajskaja, poetino kaj unu el la plej antikvaj-aktivaj membroj de la klubo. Poste ni are salutis la alkurintan maratoniston Aleksandron, kiu neniam uzas por veni al la renkontiĝloko piediron aŭ radojn. Sekvis lingvaj ludoj kaj sportaj konkuroj, kantado de "Oraj kantoj", babilado pri la pasinta kaj onta laborsezonoj kaj pri la someraj planoj – kun nepraj paŭzoj por tosti kaj manĝi freŝpreparitajn ŝaŝlikojn kun diversaj verdaĵoj. Sekvis la tradicia piediro al ne tro foraj tombejo kaj monumento por meti florojn omaĝe al la ruĝarmeanoj, pereintaj en 1941. Komuna teumado postrevena estis iom trista – kaj pro tiu vizito, kaj pro la konscio, ke la bonega tago venas al la fino.

Kio do poste? La klubanoj somere iros al RET en Poŝeĥonje, al Inter-Fest en Kroatio, al aliaj E-aranĝoj aŭ memstaraj ripozvojaĝoj – por kunveni denove en la mezo de septembro kaj lanĉi novan kluban agadsezonon.

***Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin)***

## DANKON, ISRAELO!

Frosta finmarta frumateno estis en Sankt-Peterburgo. Sed en la varma ejo de la flughaveno Pulkovo ĉirkaŭ ducent lokanoj, flugontaj al Tel-Avivo, kuraĝe pakis siajn jakojn, skarpojn kaj ĉapojn en la valizojn. Mi agis same, antaŭĝuante agrablan aliiĝon de la vetero post la kvinhora flugo. Nu, evidentiĝis, ke la aliiĝo estis agrabla eĉ super mia antaŭĝuo. Ĉar, post la rusiaj tri gradoj de frosto, la tel-avivaj dudek kvin super nulo estis admirindaj.

Dufoje mi estis vizitinta Israelon antaŭe, sed neniam – en tiom frua printempo, do la bruska klimatŝanĝo efektive ŝokis min agrable. Eĉ pli min ĝojigis la lulantaj ondoj de la Mediteraneo kun dekok-grada varmo de la akvo, tute bona por ke la nordanoj (mi kaj Edgar el *Asorti*) naĝu kun plezuro. Ni naĝadis duope, ĉar la israelanoj opinias tian akvon malvarma. Do, unue, mi danku vin, Israelo, por la ĉarma vetero.

Tamen ja mi venis ne por naĝi. Post taga gastado en la hejmo de mia amiko kaj kolego (ni kune laboris en Vorkuta) mi aliĝis al la grupo de esperantistoj, trajnirantaj al Aŝkelon. Ĝuste tiu ĉi antikva havenurbo akceptis ĉi-jare vican Israelan E-kongreson. Mi opinias, ke, malgraŭ ne tro amasa partoprenantaro, la aranĝo meri-

tas la nomon "kongreso" – almenaŭ pro la riĉa programo. Ankaŭ pro certa internacieco; la kongreson partoprenis ne nur israelanoj, sed ankaŭ esperantistoj el Germanio, Litovio, Latvio, Rusio. Por la gastoj estis organizitaj apartaj ekskursoj: la antaŭkongresa – al Eilato, Jordanio, Morta maro, kaj la postkongresa, kiun mi partoprenis, do poste mi atentu ĝin. Dume endas diri, ke la prelegoj estis atentokaptaj kaj riĉenhavaj, ke la ekskursoj al la prahistoriaj lokoj de Aŝkelon, altnivele gvidataj de la sperta ĉiĉerono Amri, estis tre interesaj, ke la koncertaj programoj, kie estis ankaŭ mia enspezo, estis akceptitaj kun varma aplaŭdado, ke la hotelo *Leonardo* provizis vere luksan loĝadon kaj bongustegajn manĝaĵojn, ke… Multas tiuj "ke", do mi resumu: dankon, Israelo, dankon, la organizantoj!



Ju pli bongusta estas kuko, des pli rapide ĝi finiĝas. La kongresaj tagoj forvaporiĝis, kiel unu vivmomento. Post la fermo kvarpersona internacia teamo direktis sin al Ĥajfo por la postkongresa ekskurso. Vespere ni atingis nian hotelon, kaj la ekskurso, gvidata de la ĉionscia Jehoŝua, komenciĝis nur sekvamatene. Dekomence nin akompanis pluveto – ho jes, foje pluvas ankaŭ en Israelo, sed tiu pluveto estis milda kaj agrabla. Ĝi restadis kun ni ĝis la belegaj grotoj de Roŝ-ha-Nikra, sed poste por nia promenado en Akko ĝi kviete malaperis, lasinte preskaŭ sennuban ĉielon. Dum la dua ekskursa tago ni detale konatiĝis kun la ĝardenoj de bahaanoj. Ili, la ĝardenoj, estas neripeteble admirindaj; la akompana detala rakonto de Jehoŝua malkovris la historion de tiu pacama religio. Krom la vizito al la ĝardenoj ni faris promenon en la iama germana kolonio kaj, post bongusta tagmanĝo, promenis en la urbo memstare, sen la ĉiĉerono. Dum la tria ekskursa tago nin prenis Amri. Per lia aŭto ni vizitis tiom da belaĵoj, ke mia kapo estis plenplena je impresoj: Nazareto, Galilea maro, Jordano… Malfruvespere ni nur venis al Tel-Avivo, kaj per amikaj adiaŭaj brakumoj finiĝis nia ekskurso. Dankon, Israelo, dankon, la ĉiĉeronoj!

Sed mi, bonŝanculo, havis ankaŭ ekstran programon en la lando. Sekvatage Amri ofertis al mi mergiĝon en la vivon de la antikva Jerusalemo. Dum la tago ni sukcesis vidi kelkajn diversekleziajn preĝejojn, inkluzive la rusortodoksan, kiun eĉ Amri mem neniam vizitis antaŭe. Ni spektis filmon pri la historio de la urbo, trairis subterajn tonelojn, tagmanĝis en la araba restoracio *Al Burak* kaj promenis en la brua bazaro de la malnova urbo. Dankon, Israelo, dankon, Amri!

Pli ol duonon de mia lasta tago en Israelo mi pasigis en agrabla hejmo kaj en agrabla kompanio de Nava por vespere kune veni al la krona aranĝo de mia vojaĝo – al la edziĝfesto, kie la bela kaj nepre aminda fianĉino estis Maja, la filino




de Amri. Neniam antaŭe mi ĉeestis judan edziĝfeston, do la tuta afero estis tre interesa nova sperto por mi. Dankon, Israelo, dankon, Nava, mia gastigantino, dankon, miaj afablaj invitintoj – Amri, Gila kaj Maja!

Frumatene de la sekva tago mi veturis en la flughavenon Ben Gurion, kaj post ioma atendo plus kvinhora flugo mi devis elvalizigi miajn varman jakon kaj ĉapon. La hejma Peterburgo akceptis min per normala komencaprila subnula temperaturo kaj pika vento.

Se oni demandus min, ĉu mi spertis ian malkomfortaĵon en Israelo, mia respondo estus "jes". Mi, posedanta la jidan lingvon, scipovis legi ĉiujn surstratajn afiŝojn, anoncojn kaj presaĵojn. Sed mi nenion komprenis! Ĉar la lingvo estis hebrea, tute malsama al tiu, kiun mi regas. Verŝajne, mi devas dediĉi ioman tempon al studado de la hebrea, kun espero iam denove veni al la belaĵoj kaj antikvaĵoj, al la tenera klimato kaj afablaj homoj. Dankon, Israelo!

***Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin)***

PS: Suplemente mi aldonu la kanton, kiun mi verkis sidante en la peterburga flughaveno:

## Por la Israela Ekongreso

Mia prapatrujo, Israel',
daŭre ja alvokis vi min el
la transmara foro.
Kun animdoloro
revis mi pri viaj lakto kaj miel'.

Nun en la komforta avi'
flugas mi denove al vi
kun humoro bena,
je la sentoj plena
flugas mi denove al vi.

Dormas en valizo nun kun pret'
iam donacita vert-ĉapet',
libroj, la multpaĝaj,
ŝercoj porvojaĝaj,
versoj de l' maljuna, tamen plu poet'.

Tie, trans la blua vasta mar',
loĝas mia juda gefratar'.
Kiel ĉiam – same
bonvenigas ame,
kaj mi antaŭĝuas la renkonton, ĉar –

La esperantista ĉarma rond'
Venas por kongres' en Aŝkelon.
Amikar' senlaca,
la medio paca –
Por admir' kaj miro de la tuta mond'.

*27.03.2017, Pulkovo*

# MEMORANTE PRI VOJPRETIGA VOJAĜO

Datrevenoj utilas kiel okazoj por fosi en la propra memoro. Ekzemple, antaŭ preskaŭ tri jaroj mi repensis pri vojaĝo, kiun mi faris en oktobro 1964. Tiam do pasis kvindek jaroj. Estante okupita per aliaj, precipe verkaj taskoj, mi devis portempe subpremi la rememorojn. Sed la invito de la redaktoro de *REGo* (sendi interesajn artikolojn por la jubilea numero – *La red.*) instigis min nun aperigi tion, pri kiu mi pensis dum la datreveno.

Eksteruloj ofte demandas: “Kial vi lernis Esperanton?” Kaj tuj poste sekvas la demando: “Kiamaniere vi uzis ĝin?” Mia respondo verŝajne estas tute ne unika. Mi lernis ĝin en 1958 kaj tuj komencis apliki la lingvon, do korespondi. Inter miaj unuaj leter-geamikoj estis multaj “orientanoj” – alivorte homoj en t.n. komunistaj landoj, kio estis sekvo de tio, ke en Esperantaj gazetoj aperis korespond-petoj unuavice el tiuj landoj. Eble kunludis ankaŭ la allogo, kiun donis la konscio esti en kontakto kun homoj en ĝenerale fermita parto de Eŭropo. Dum iom da tempo mi korespondis eĉ kun nordvjetnaminoj, kiuj ravis min per sia eta, kaligrafieca skribo (malpli per sia lingvaĵo). Rusajn leteramikojn mi ne memoras amase, sed ja kelkajn en la baltaj landoj, ekz. la litovon Arūnas Pakula (1944-2004), kiu helpe de Esperanto organizis interŝanĝon de artikoloj de ĉeĥa kaj litova satiraj gazetoj kaj poste iĝis konata komentisto de basketbal-ludoj.

Kelkaj perleteraj kontaktoj daŭris longe, sed plej ofte la korespondado ĉesis, ĉar la temoj elĉerpiĝis. Tio estas tute natura fenomeno en korespondado, sed mi supozas, ke en mia kazo rolon ludis ankaŭ la fakto, ke mi dekomence emis ne eviti demandojn kun politika enhavo. Tio kelkfoje konfuzis aŭ embarasis la skribintojn en komunistaj landoj, precipe tiujn, kiuj konsistigis konsiderindan parton de mia leteramikaro: la inojn.

Korespondado kompreneble estas plenigebla per vivo, se la partneroj persone renkontas unu la alian. Sed al Internaciaj Seminarioj (IS) kaj kongresoj nur malofte venis orientanoj. Tiujn kelkajn mi bone memoras, ekzemple Marek Pietrzak (1937-1968), kun kiu mi konatiĝis en la Brusela UK (1960), Walerian Włodarczyk (1933-1977), kies apero en la Kolonja IS (1961/62) estis por ni preskaŭ tiel sensacia kiel la unuafoja IS-prelego de Ivo Lapenna tie. Kun alia polo, Roman Dobrzyński, kaj kun la bulgaro Simeon D. Simeonov mi konatiĝis dum la TEJO-kongreso en Wokingham (1961). Tri jarojn poste ili venis ankaŭ al la TEJO-kongreso en Amsterdam. Tie aperis granda grupo de bulgaroj, el kiuj unu, Violina Stoiĉkova, estis elektita “Miss Esperanto”. Ŝin kaj plurajn aliajn mi revidis du monatojn poste en Sofio. (Du jarojn poste Violina pereis, 19-jara, en aviadila kraŝo apud Bratislava.)

Orientanoj povis veni al okcidenta Germanio nur malofte; Germana Esperanto-Junularo (GEJ) sukcesis subteni iliajn vojaĝojn dank’ al subvencioj de la Ministerio pri Familio kaj Junularo. Tio naskis la ideon, ke ni uzu ministerian monon an-

kaŭ por mem iri al oriento. En 1963 venis ŝoko, ĉar la Ministerio pri Eksterlandaj Aferoj rifuzis nian peton pri monhelpo por du reprezentantoj niaj en la TEJO-kongreso en Vraca, asertante ke TEJO estas kaŝ-organizo de komunistoj. Ni protestis, montrante ankaŭ al la regula subteno de la alia ministerio. La protesto efikis, sed tiam estis jam tro malfrue.

En 1964 la porjunulara ministerio aprobis, ke ni iru kun delegacieto al Pollando, konforme al interkonsento subskribita kun PEJ en Wokingham. Ĉar tio fiaskis, verŝajne pro politikaj obstakloj ĉe la pola flanko, ni ekpaŝis al la realigo de anstataŭa plano: iri al Jugoslavio, Bulgario kaj Hungario. Tio estis tute facila, interalie pro la persona konatiĝo kun bulgaroj en Amsterdam. Formiĝis malgranda delegacio: Michael Welder, esperantisto en Coburg, kaj mi, tiutempe vicprezidanto de Germana E-Junularo. Estis longa trajnveturado, ĝis ni atingis, la 15-an de oktobro 1964, Beogradon. Tie bonvenigis nin interalie Simo Milojević, kiun mi jam bone konis pro iom longa restado lia en Kolonjo. Li tiam ĵus fariĝis ĉefredaktoro de *Jugoslavia Esperantisto*.



*En oktobro 1964: Ulrich Lins kaj Michael Welder en la stacidomo de Beograd, pluvojaĝonte al Sofio.*

Survoje ni havis tre belan sperton en la restoracia vagono: ni menciis al la servanta kelnero, ke ni estas esperantistoj kaj vojaĝas per Esperanto. Je tio li reagis tute entuziasme, forte premis niajn manojn, preskaŭ ĉirkaŭbrakis nin. Tio estis preparo al la impreso ricevita dum la tuta vojaĝo: ke Esperanto estas bone konata, ke lernantoj en Beograd propriniciate postulis lernadon de Esperanto, ke en Vraca multaj loĝantoj memoris la TEJO-kongreson kaj ke preskaŭ ĉiu dua urbano sciis diri “Saluton”. Ni parolis pri Esperanto kaj ĝia utilo antaŭ klaso de knabinoj en elementa lernejo en Vraca (en tiu urbo kun nur 35 000 loĝantoj pli ol 500 lernejanoj lernis Esperanton) kaj antaŭ studentoj de la Supera Ekonomia Instituto en Varna. Poste ni monopoligis la programon de Junulara Vespero kadre de klubkunveno en Budapeŝto, kiun ĉeestis ankaŭ Julio Baghy. Pro la atento ĉiuloke ricevita ni povis senti nin kvazaŭ gravuloj. En Vraca oni nin prezentis al lernejaj direktoroj kaj instruistoj, kaj kiam finiĝis la unutaga restado, la tuta Esperanto-grupo adiaŭis nin en la stacidomo.

Ni ĉiuj, la gastigantoj kaj delegacianoj, entuziasmigis unu la alian per Esperanto. Por la lernantoj en Vraca kaj la studentoj en Varna ni estis iugrade ekzotikuloj. Ni mem malkovris mondon nekonatan kaj tiutempe malofte vizitatan de okcidentanoj.

Helpis ne nur Esperanto. En Varna ni parolis germanlingve kun instruisto, kiu rakontis, ke li estas filo de bulgaro kaj germanino kaj nur lastatempe, preskaŭ du jardekojn post la milito, ricevis permeson viziti sian patrinon vivantan en la okcidenta Germanio (peto pri refoja vizito estis ĵus rifuzita). Ankaŭ en la trajno al Vraca servis la germana lingvo. Mezaĝa virino donis al ni detalojn pri siaj vivkondiĉoj, kiuj konsternis nin. Kvazaŭ reage, ni rakontis al ŝi kun eble naiva sincero pri niaj vojaĝ-eblecoj kaj nekomplika monŝanĝo – ĝis ni rimarkis, ke tiuj okcidentaj memkompreneblaĵoj estis por ŝi tiel neordinaraj, ke ŝi ekploris. (En la sama trajno, verŝajne sekve de denunco de samkupeano, nin subite pridemandis milicanoj, ĉar Michael, fotante el la fenestro la pejzaĝon, laŭdire fotis ankaŭ ponton.)

Ke la problemo estis ne nur vojaĝmalhelpoj, sed ankaŭ desupre organizita nescio aŭ blokado de informfluo, ni rimarkis en Sofio, kie esperantistoj neatendite superŝutis nin per demandoj pri la kialoj de la falo de Nikita Ĥruŝĉov. La Unua sekretario de KPSU estis tute surprize eksigita la 14-an de oktobro 1964. Ĉar ni ne povis tuj konsulti okcidentajn informfontojn, ni respondis nur elturniĝe. Sed estis flata sperto, ke oni atendis de ni junuloj kaj ĵusvenintoj klarigojn pri politika mistero zorge gardata en Moskvo kaj en la frata Bulgario.




*Du monatojn antaŭe, en la TEJO-kongreso en Amsterdam, la bulgarino Violina Stoiĉkova elektiĝis "Miss Esperanto". Ŝia sorto estis tragika.*

En letero skribita al amiko post la vojaĝo mi raportis, ke precipe la vizito al Vraca estis tre instrua. Pro la diligenta konstruado de novaj domoj kaj stratoj mi konkludis, ke "ekonomie ĉio daŭre pliboniĝas". Sed samtempe mi notis, ke "restas la okulfrapa problemo de la libereco de la individuo". Pri tiaj aferoj ne eblis diskuti en Bulgario. Impresis al ni strange, ke post du paroladoj antaŭ studentoj en Varna la sola demando, kiun ni ricevis, estis la jena "Ĉu la junularo en FRG (okcidenta Germanio) ankaŭ batalas por la paco?".

En la posta jaro mi vojaĝis pli orienten, al la UK en Tokio, kiu donis al mi aliajn spertojn kaj perspektivojn. Mia vivo ricevis per tio novan direkton. Sed la impresoj, gajnitaj dum la vojaĝo al Jugoslavio, Bulgario kaj Hungario en oktobro

1964, longe postefikis. En la tempo de studenta ribelemo (1968) ili supozeble vakcinis min kontraŭ la kredo je tute nova socialismo. La vojaĝon mi denove rememoris meze de la okdekaj jaroj, kiam la mondo klopodis kompreni, kion signifas la nova politiko de Miĥail Gorbaĉov, la (lasta) posteulo de Ĥruŝĉov. Mi estis tiam finverkanta la libron *La danĝera lingvo*. Dum la UK en Augsburg (1985) hungara esperantisto, kiu ofte profesie vojaĝis al Soveta Unio, bridis mian entuziasmon pri la ŝanĝoj estigitaj aŭ antaŭvideblaj pro perestrojko. Li malkaŝis al mi, ke la homojn pli multe interesas la demando, kiam denove estos aĉetebla en magazenoj... vodko. Al la esperplenaj, tre pozitivaj taksoj de okcidentaj gazetoj pri la politiko de Gorbaĉov li kontraŭmetis siajn rektajn observojn pri la mentaleco de la sovetia socio.

La vojaĝo en oktobro 1964 estis por ni ambaŭ tre stimula. Michael Welder, mia kunulo, neniam multe aktivis en la movado, sed kiel vigla vojaĝanto li ofte uzis la Jarlibron de UEA por eltrovi esperantistojn. En 1966 li reveturis al Bulgario, ĉi-foje kun alia esperantisto. Iun tagon, kiam ili bezonis helpon, li starigis sin en iu urba ĉefplaco kaj laŭte kriis tiel longe “Esperanto! Esperanto!”, ĝis alkuris iu loĝanto, kiu sciis la lingvon. En la fino de la okdekaj jaroj, kiam falis la ĝenaj vojaĝaj baroj, Michael helpis, ke okcidentgermanaj vojaĝemuloj bone preparu sin por la nun facile viziteblaj landoj. Li publikigis tutan aron da riĉe ilustritaj libroj pri Silezio, orienta Prusio, Transilvanio kaj la baltaj landoj. Li ankaŭ sukcese prelegis pri la studvojaĝoj, kiujn li organizis al tiuj landoj. Bedaŭrinde li pro malsano forpasis jam en 1996.

Pri mi nun taŭgas konfesi, ke la vojaĝo de 1964 okazis en vojpretiga momento: tuj post la armea servo kaj antaŭ la ekstudo en universitato. Fakte ĝi servis ankaŭ kiel elirpunkto por la esploroj, kiujn mi faris pri historio kaj politiko en ligo kun Esperanto. La aparta scivolo pri la evoluo en orienta Eŭropo, kiun vekis tiu vojaĝo, daŭras ĝis nun.

***Ulrich Lins (Germanio)***

## FORPASIS ANDRÉ ALBAULT



**André Albault** (1923-2017) forpasis la 17-an de majo en Tuluzo (Francio). Li naskiĝis la 14-an de majo 1923 en Reims, kie li lernis Esperanton en 1939. En 1950 li gajnis en la unua Oratora Konkurso en la 35-a UK en Parizo.

Profesie okulkuracisto, li estis plej konata pro sia rolo en la Akademio de Esperanto, kie li estis unue sekretario (1963), poste direktoro de la sekcio pri komuna vortaro (1965-1976) kaj fine prezidanto (1983-1995). Kiel prezidanto li fondis kun J. Thierry la asocion Amikoj de la Akademio, kiu eldonis la bultenon *La Letero de l’ Akademio*. Krome li estis vicprezidanto de Universala Medicina Espe-

ranto-Asocio (1974-1976) kaj prezidanto de Unuiĝo Franca por Esperanto (1967-1974). En UEA li estis komitatano (1957-1969) kaj estrarano pri kulturo kaj faka agado (1962-1967).

Li redaktis la revuojn *Internacia Pedagogia Revuo* (1958-1959) kaj *Monda Kulturo* (1964-1966). Albault kunlaboris por *Plena Ilustrita Vortaro* pri medicinaj terminoj kaj la reviziado de la tuta vortaro. Li publikigis multe da artikoloj, enkondukis kaj prinotis la 9-an eldonon de *Fundamento de Esperanto* (1963) kaj verkis i.a. *Vortaro franca-esperanto* (1961; kun R. Léger), *Naŭ prelegoj pri la Fundamento* (1990), *Vojaĝo tra la landoj* kaj *Multlingva glosaro pri la landnomoj* (ambaŭ – 1991). Iuj el liaj landnomaj ideoj estis disputataj, same kiel tiuj pri la t.n. help-alfabeto priskribita en *Tri pri la tria* (2001; kun J. Doublet). En lia esperantigo aperis i.a. *La preĝado* de A. Carrel (1995) kaj *La prodiĝa povo de la Mond-Civitanoj* de O. d'Argenlieu (2012).

En la 83-a UK en Montpeliero en 1998 Albault estis elektita kiel Honora Membro de UEA. "De kiam mi estis 16-jara, mi dediĉis mian tutan vivon al Esperanto", li tiam skribis al UEA. Esperanton li transdonis ankaŭ al siaj tri infanoj, denaskaj esperantistoj.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## APERIS NOVA DISKO

Mikaelo Bronŝtejn kaj Sergeo La Terura (Straŝnenko) registris novan kantodiskon. Ĝi nomiĝas "Plenigu l' korojn je muzik'!" kaj enhavas 15 kantojn de ruslingvaj bardoj (inter kiuj estas Okuĝava, Vizbor, Visockij, Anĉarov, Nikitin, Gorodnickij, Dulov, dueto Vasiljev-Ivaŝĉenko k.a.) tradukitajn al Esperanto de Mikaelo.



*Vladimir Opletajev (Surgut)*

# Sonhalucino

Tuj post la novjarfestaj tagoj komenciĝis Esperanto-studado, kiun mi partoprenis kiel instruisto, gvidante kelkajn lecionojn al esperantistoj, venintaj Jekaterinburgon el diversaj urboj de nia vasta regiono kaj eĉ el pli foraj lokoj.

Antaŭtagmeze la trajno ĝustatempe atingis Jekaterinburgon, kaj, forlasinte sufoke varman vagonon, mi tuj sentis penetran januaran froston, kiun trude akompanis pika malagrabla vento, trablovanta pasantojn ĝisoste. Ĝi ne favoris senhastan promenon tra la urbo, planitan de mi, kaj kvaronhoro, dum kiu mi estis atendanta buson, sufiĉis por plene sperti ĉiajn malplaĉojn de la urala vintro. Sed mi venis el fora siberia nordo kiel sperta vintrumulo kaj ajnokaze estis vestita konforme al la sezono, ĉar mi bone sciis eblajn danĝerajn kapricojn de la vintra vetero. Apud mi ĉe vitra haltejo, kiu apenaŭ povis ŝirmi kontraŭ ventego, staris grupeto de gejunuloj, inter kiuj estis altstatura brunhaŭta knabo, vestita en anorako, kiu eble povus savi lin de aŭtuna pluvo sed ne de vintra malvarmo. La kompatinda ido de Afriko videble forte suferis pro la senindulga subnula temperaturo; li tremis tutkorpe, sed firme tenis gitaron, metitan transdorsen. Vidante lian stoikan luktadon kontraŭ la frosta blovado kaj gitaron, kiun li bizare kaj senutile uzis kiel ŝirmilon, mi ekvolis tuj senprokraste forlasi ĉi tiun neĝkovritan trablovejon en la fremdiga apudstacidoma strato kaj kiel eble pli rapide atingi ripozdomon, kiu jam akceptis kaj gastigis alvenantajn esperantistojn.

La tri tagoj de la studado pasis rapide tra kalejdoskopa ŝanĝo de lecionoj, klerigaj programoj, gajaj vesperoj kaj dumnoktaj lingvaj kaj societaj ludoj. La etoso, kiu kutime estas inter esperantistoj – sincera, brua, amika, varma kaj emocia, kiun mi antaŭĝuis, efektive regis en kursejoj kaj studgrupoj kaj tute forgesigis malvarmigajn mispaŝojn de la vintro. Fine – post manpremoj, brakumoj, adiaŭaj vortoj, ies kredigaj promesoj neniam forgesi Esperanton – agordita bonhumore kaj kontenta pro la sukcesaj lecionoj, mi revenis al la stacidoma placo. Intertempe la frosto perdis iom de sia kruela malvarmo, kaj duonhoron antaŭ la envagoniĝo mi povis senzorge promeni apudstacidome, dediĉi mian tempon al gapvagado tra butikoj, aĉeti memoraĵojn kaj rapide manĝeti en memserva kafejo. Tiu tago apartenis al la tradicia feria dekado en Rusio inter la Novjara festo kaj la ortodoksa Kristnasko. Veraj vojaĝemuloj ne jam revenadis,

urĝe forlasinte la hejmon aviadile por ĝui dumsemajne lazurajn ondojn kaj varman sablon de tajlandaj maroj kaj strandoj; male nevojaĝemaj ripozantoj preferis pasigi tiujn tagojn hejme en la familia rondo.

En ĉi tiu mallonga januara kelktaga periodo estis do pasaĝera kalmo, senvojaĝa paŭzo, kaj efektive sur la duondezerta kajo mi sola staris sur ĵusfalinta lanuga neĝo antaŭ mia sepa vagono grizkolora kun grandegaj ruĝaj literoj "Rusiaj fervojoj" bone videblaj sur ĝia flanko en frua antaŭkrepusko. La malfermitan vagonpordon gardis neparolema vagonestrino, vestita en vintra fervojista uniforma palto kaj pelta ĉapo kun orelklapoj. Ŝi haste kontrolis mian bileton, apatie bonvenigis min mangeste, kvazaŭ ŝi mirus pro nelogika apero de iu posttagmeza soleculo en ĉi tiu feria tago netaŭga por veturado.

La vagono agrable ĉirkaŭvolvis min per varmo kaj surprizis per kafa aromo kaj kvieta malbruo. Tra duonfermitaj pordoj mi vidis, ke kelkaj kupeoj estis malplenaj, kaj mi tuj ekdorlotis espereton, ke ankaŭ mia kupeo ne estos okupita de kunvojaĝantoj. Enirinte la kupeon mi vidis la malsuprajn kuŝbretojn esti klaplevitaj kaj fiksitaj al la septoj, kaj tio povis signifi nur, ke neniu okupis ilin, kaj sekve mi estis sola pasaĝero en la kvarloka kajuto. Kia bela ŝanco! Sed verdire mi havos sufiĉe longan vojon, kaj en ĉiu sekva vojstacio povos aliĝi iu vojaĝanto. Sed nun neniu ĝenis min, kaj mi daŭre ĝuis la implicitan etoson de la pasinta esperantista kunveno.

Dum mi lokis min sur mia bretlito, la trajno, iom post iom akcelante la rapidon, senbrue ekglitis en la vesperan mallumon preter la novjarfeste lumigitaj kvartaloj de Jekaterinburgo. La neĝkovrita urbo silente adiaŭis al la vagonaro per fenestroj de multetaĝaj domegoj, lampionaj girlandoj sur fasadoj kaj ĉe altaj gaje ornamitaj novjaraj arboj sur placoj, glimbrilantaj reklamaj ŝildoj kaj reflektoraj lumoj de senfinaj aŭtokolumnoj.

Unue mi plezure kaj senhaste trinkis varman teon kun citrono, poste rerigardis fotojn surekrane de la fotilo. Dum la studado mi multe fotis, dezirante kapti momentojn, kiuj povus plastike vivigi impresojn pri homoj kaj okazaĵoj unuavide ordinaraj sed interesaj ankaŭ el la vidpunkto fakta kaj kronologia. La foliumado de fotoj memorigis min pri Esperanta librodonaco portita al mi de moskvaj geamikoj. La tempomanko tage ebligis al mi nur danke akcepti la donacon, teni por momento la libron en la mano, vidante ĝian frapan kovrilon, kaj meti ĝin en la vojaĝsakon. Sed nun mi ekvolis trafoliumi la novan eldonaĵon de "Impeto", ĉar la legado en vagono, akompanata de la dampita frapado de radoj sur reljuntoj kaj komutiloj, monotona vagonbalanciĝado povas speciale nuanci kaj agrabligi la procezon de legado. Mi ŝaltis murlampon super mia kapo, surlitigis min oportune kaj eklegis.

La nova romano de Bronŝtejn, kiu jam furoris inter legantoj, de la unuaj linioj senrezerve kaj katene penetrigis min en komplikajn peripetiojn foje amuzajn, foje faktajn kaj instruajn. Mi scivole tralegis la unuan dekon da paĝoj, atentante

protagonistojn, detalojn kaj originalajn aŭtorajn vortigojn, antaŭĝoje opiniante, ke la nova libro nepre ĝuigos min. Sed la streĉa tumulta kaj laciga tago, plena de eventoj kaj zorgoj, vespera mallumo trans la fenestro kaj la dormiga mola enuigo de la vagonveturado nereteneble lulis min al dormeto, kiu dorlote vokis la menson kaj la korpon al ripozo. Metinte la libron sur la klaptableton, mi fermis la okulojn kaj kun la dezirata plezuro falis sub la protekton de Morfeo...

Iu diskrete frapetis la kupean pordon. Evidente mi dormis profunde, ĉar, vekiĝinte, apenaŭ povis tuj konscii, kie mi troviĝas, en kiu loko kaj en kiu tempo. En la kupeo mi estis sola kiel antaŭe, ne aŭdiĝis radfrapoj, la trajno haltis ĉe iu stacio, ĉar de ekstere aŭdeblis stacidomaj anoncoj kaj mallaŭtaj homvoĉoj. Mi ne tuj respondis. La frapo ripetiĝis, kaj oni senatende flankenmovis la pordon. La kajuton enpaŝis juna viro kun negranda vojaĝsako, kian kutime prenas al vojaĝoj oficsendatoj por mallonga tempo. Li estis varme vestita, kaj sur la ŝultroj kaj la kapuĉo de lia pelta jako kuŝis neĝeroj. La viro kunportis freŝan odoron de frosto, bruligata karbo kaj de ankoraŭ io specife stacidoma aŭ fervoja. Vidante mian ĵusan vekiĝon, li ĝentile salutis min kaj petis pardonon, ke li senintence estis devigita min ĝeni.

– Jen mi havas do kunvojaĝanton. – pensis mi. – Kie estas ni? – mi demandis lin.

– En Tjumeno.

Mi tradormis pli ol du horojn! Tjumeno estas granda industria urbo en Siberio, kaj mi ŝatas ĝin, la urbon de mia studenta juneco. La trajnhalto daŭras ĉi tie preskaŭ tridek minutojn. Ekstere neĝis sur la kajon kaj sur malmultajn veturontojn, kiuj trenadis siajn valizojn laŭlonge de la vagonaro. Ĉe la vagonpordo deĵoris la sama uniformita vagonestrino. Ankaŭ ŝiajn peltoĉapon kaj palton abunde kovris blankaj glimbrilantaj neĝflokoj. Pro la frosto ŝi dancmovetis la piedojn kaj same enue apatiis pro manko de novaj pasaĝeroj.

– Mi bedaŭras, sed frumatene mi ankoraŭfoje ĝenos vin, – diris la nova kajutano, – ĉar mi estas veturanta al Tobolsko, kaj la trajno atingos ĝin postnoktomeze.

– Kutima afero, se oni veturas fervoje, – mi trankviligis lin. – Ĉu vi estas tjumenano?

– Ne, mi venas el alia urbo. Ĉi tie mi nur devis ŝanĝi la trajnon.

– Tobolsko estas unika, ĝi posedas apartan etoson, ian province arkaikan aspekton kun multaj historiaj trajtoj de eksa gubernia ĉefurbo, – mi aldonis fakule, ĉar mi plurfoje vizitis ĝin kaj estas ravita de ĝiaj vidindaĵoj. Mi tion diris ankaŭ, ĉar mi tute ne volis, ke ekestu truda silenta paŭzo. Sed la viro mem ne emis muti kaj vigle respondis al mi:

– Ha jes! Espereble la faman Kremlon mi ekkonos detale. Sed mi restados tie nur dum tri tagoj, venante por seminario de lingvoinstruistoj, kaj apenaŭ havos sufiĉan tempon por ekskursoj.

– Hm, vi estas do instruisto de fremdaj lingvoj! – mi nekredemis.

– Vi pravas, – li kapjesis. – Ĉu ĝi ŝajnas al vi eksmoda profesio? Jam ne tre aktuala kaj preskaŭ senbezona en la epoko de perfektaj elektronikaj lerniloj, ĉu?

– Mi tiel ne opinias, – rediris mi. – Instruistoj estas ĉiam bezonataj. Sed oni travivas nun tutmondiĝon, kaj tre multaj homoj denaske parolas kelkajn lingvojn sen lerni ilin kun instruistoj. Poligloteco iĝas preskaŭ urĝa defio.

– Prave! Mi konsentas kun vi. Via opinio nur plie atestas la socian kaj edukan rolojn de instruistoj, – respondis Eŭgeno. Tiel li nomis sin, invitante min kune vespermanĝeti.

Mi ne kontraŭis fari kun li ĉetablan kompanion, des pli ke probable en la kupeo ni estis pluveturontaj duope. Mi ne sentis malsaton, sed deziris babileti kun interesa kunvojaĝanto kaj trinki nur tason da teo. Forprenante miajn aĵojn, kuŝantajn surtable, ankaŭ la libron en Esperanto, mi rimarkigis al mia nova konato, ke ankaŭ mi havas ian certan rilaton al fremdaj lingvoj.

Eŭgeno abrupte turnis sin al mi, mire rigardis min kaj la libron kelkajn sekundojn kaj poste, tirante vortojn, kvazaŭ li balbutus, li demandis, en kiu lingvo mi nun parolas.

– En kiu lingvo mi nun parolas? Memkompreneble en la rusa lingvo! – solene certigis mi lin.

– Ĉu vi centprocente certas, ke nun vi parolas ruse? – li ripetis la demandon kun perpleksa hezitemo.

– Jes, ruse! Kaj tio veras, kiel duoble du estas kvar. Mi babilas kun vi, kaj interalie vi min bone komprenas.

– Sed tio strangas! – nekredeme eksklamaciis li. – Mi vin bone komprenas aŭ almenaŭ mi supozas, ke mi vin bone komprenas, sed samtempe mi aŭdas vin paroli iun lingvon, alian, ne la rusan... – Kaj li forte skuis la kapon por forigi la atakintan lin obsedan halucinon.

Nun venis mia vico perpleksiĝi, ĉar mi apenaŭ povus kredi la fakton, ke lia menso dum unu sekundo subite perturbiĝis ĝis tia grado, ke li ekaŭdis la voĉon... Cetere mian voĉon, sed ne en la gepatra lingvo...

– Kiel vi opinias, en kiu lingvo mi elbuŝigas la sonojn? – mi provis ŝerceme elembarasiĝi.

– Kredeble vi parolas iun eŭropan lingvon, ĉar mi perceptas ĝin kiel bone kompreneblan. Se vi alparolus min ekzemple en lingvo de ĝangalaj indiĝenoj el Amazonio, versimile mi ne povus distingi eĉ unu etan vortradikon. Nun mi havas la senton, ke iam mi jam aŭdis ĉi tiun lingvon.

– Kiujn lingvojn vi scias? – mi scivole demandis lin.

– La anglan kaj la germanan mi instruas kaj povas ilin bone paroli, krome mi memstare lernis la francan, la italan kaj la grekan lingvojn.

– Vi estas do poligloto!

– Mi strebas esti poligloto, sed ne pro nura ambicia kolektado de lingvoj, tion mi ne bezonas, sed pro mia intereso pri kulturoj, kiujn peras la lingvoj, – Eŭgeno

respondis, kaj mi trovis en liaj vortoj konvinkitecon de homo, kiu havas seriozan rilaton al siaj profesio kaj ŝatokupoj.

Responde al lia demando pri la lingvoj, kiujn mi parolas, mi diris, ke mia lingva bagaĝo ne estas granda kaj praktike mi uzas nur la germanan lingvon kaj Esperanton! Aŭdinte la nomon Esperanto, li preskaŭ suprensaltis kaj triumfe elspiris: – Jesss!

– Kial mi ne tuj konjektis, ke vi parolas Esperanton?! – per ambaŭ manplatoj li frapis la tableton kaj kontente ekridis duonjubile-duonmirigite. – Brave! Bravege!

Mian feblan proteston kaj ankoraŭfojan insiston, ke mi tamen babilas kun li ruse, Eŭgeno eĉ ne aŭdis, tiel li ekscitiĝis kaj ekĝojis pro miaj vortoj.

– Ĉu ankaŭ la libro, kiu kuŝis surtable, estas en Esperanto?

– Ĝi estas nova originala romano en Esperanto de konata rusia verkisto. Mi eklegis ĝin forveturante el Jekaterinburgo, – mi etendis al la viro la libron, kiun li prenis respektoplene kaj atente ekzamenis de ĉiuj flankoj kiel muzean raraĵon.

– Mi ĝis nun neniam vidis Esperantan libron. – Eŭgeno konfuzite konfesis, atente rigardante la kovrilpaĝon kaj kun videbla intereso foliumante la dikan verkon.

– Sed ĉu vi ĝis la nuna momento entute estis informita, ke Esperanto ekzistas?

– Nu kompreneble! Nature!

Kaj li rakontis al mi historion, kiun mi apenaŭ konsiderus neordinara, sed ĝi povis okazi, kaj io simila iufoje reale okazas en esperantistaj familioj. Kiam li estis kvarjara knabeto, pro grava labortasko kaj forveturo de la gepatroj en eksterlandon li devis preskaŭ unu jaron vivi ĉe la geavoj, kiuj estis ĝisostaj esperantistoj. Li ne plu scias nun, ĉu la geavoj ĉiam uzis Esperanton kiel familian lingvon aŭ ili decidis eksperimenti pri rektmetoda instruado, sed ekde la momento, kiam la gepatroj de Eŭgeno forlasis la hejmon, ili tuj ekparolis kun la knabo en Esperanto. La instruata subjekto mem trafis iliajn manojn, kaj ili havis tiom da persistemo, entuziasmo kaj dezirego paroligi la nepon, ke preterlasi ĉi tian favoran ŝancon ili neniaokaze povis. Kompreneble, jam ne temis pri la denaska paroligo, ĉar Eŭgeno bone sciis, ke ambaŭ geavoj perfekte parolas ruse, kaj li povis al ili respondi en la rusa lingvo. Nur subite pro ia kaprico ili ekuzis alian lingvon en lia ĉeesto. La geavoj legis ruslingvajn librojn kaj ĵurnalojn, spektis televidon, interkompreniĝis en la rusa eksterhejme, sed, kontaktante la bubon, ili uzis nur Esperanton kiel parolatan lingvon. Nefleksebla peranto de la internacia lingvo estis nur la avo, kiu neatendite malkovris grandan pedagogian talenton, dum la bonkora avinjo ne havis tian rezervon de pedagogia pacienco, kaj de tempo al tempo ŝi nevole rompadis la preskribitajn regulojn de la eksperimento.

– Ĉu la eksperimento fine sukcesis? – mi interesiĝis pri la rezultoj.

– Parte jes. Post du – tri monatoj mi komencis jese-nee respondeti al tutecaj ĉu-demandoj kaj preskaŭ adekvate reagi al iuj petoj de la geavoj. Mi sciis, ke la avo parolis nur Esperanton, estis absolute tabuite alparoli lin ruse, kaj mi devis lin tre atente aŭskulti por ion kompreni. Kun la bonanima avinjo, kiu rapide fiaskis

kaj preskaŭ kapitulacis, mi aroge babilis nur ruse. Sed ankaŭ ŝi instruis al mi vortojn tradukmetode. Jen dum matenmanĝo ŝi metis al mi en la manon kuleron kaj akurate laŭsilabe prononcis: “Ku-le-ro. Prenu la ku-le-ron!”. La situacio estis absolute aŭtenta, mi papage ripetadis: “Ku-le-ro” kaj ĝis nun memoras ĉi tiun vorton, notitan en mia infana pramemoro. Vi nur ne devas opinii, ke la tuta afero estis realigata kun ia subpremo aŭ perforto rilate al mi. Male, niaj kontaktoj estis kutime tre bonetosaj, amikaj, ludformaj, ili tute ne ĝenis min, – mia kunvojaĝanto iomete silentis, eble rememorante tiujn epizodojn el sia infaneco.

– Vi iĝis do esperantisto, ĉu?

– Ne. Kiam revenis la gepatroj el sia oficvojaĝo, ili sciiĝis de la geavoj pri miaj lingvaj kapabloj, kaj post nia reveturo en la hejmurbon la patro tuj trovis por mi privatan instruiston de la angla lingvo. Tiam mi ankoraŭ ne estis lernejano. Kiel mi komprenas nun, la patro ne kontraŭis Esperanton, tute ne, sed li opiniis, ke prefere unue mi eklernu iun eŭropan lingvon. Tiam tio ne estis tute mia elekto. Sed, kiel vi vidas nun, mi ĝin ne bedaŭras! Forlasinte la geavojn, mi trafis ekster la esperantistan medion kaj iom post iom forgesis la tiel sentrude enkapigitan vortaron.

Ni trinkis teon, plezure manĝante bongustajn dolĉajn kuketojn, kunportitajn de mia samkupeano el la hejmo, kaj daŭrigis nian babiladon pri diversaj lingvaj aferoj, kiuj interesis nin ambaŭ. Eŭgeno montriĝis al mi homo inteligenta kaj klera, kun multaj diversbranĉaj universalaj scioj. Li rakontis anekdotojn el propra vivo lige kun amuzaj lingvaj konfuzoj, kiujn neeviteble frontas ĉiuj parolantoj de fremdaj lingvoj, kaj ni multe ridis. Li interesiĝis ankaŭ pri la vivo kaj agado de esperantistoj, pri la ĵus okazigita lingvostudado en Jekaterinburgo, kaj mi respondis liajn pensigajn demandojn, ĉar kiel lingvisto kaj lingve bone orientita persono li klopodis tuj kapti la esencon de ĉiu problemo kaj trafe vortigi sian demandon.

– Ĉu via junaĝa lingva sperto estis kaŭzo, ke vi poste elektis por vi instruistan profesion? – mi denove provis redirekti la konversacion al la najbaro.

– Jes, mi tre interesiĝis pri fremdaj lingvoj en la lernejo kaj poste studis ilin en la universitato, kaj ĝis la lasta semestro mi dubis pri mia profesia vojo, ĉar ekzistis diversaj direktoj ne malpli logaj ol instruado, sed tamen fine mi decidis elprovi min kiel lingvoinstruiston, – li respondis ĝoje ridetante. – Jam pli ol dek jarojn mi peras fremdajn lingvojn al lernejanoj kaj trovas la okupon tre interesa!

Ni babilis tiel ĝis malfrua vespero. Poste Eŭgeno decidis enlitiĝi, ĉar li volis esti morgaŭ freŝa kaj plenforta por pasigi longan eventoriĉan tagon en la eksa siberia ĉefurbo. Ni deziris unu al la alia bonan nokton, kaj mia kunparolanto per kontenta snufeta spirado tre baldaŭ komunikis al mi la endormiĝon de sana, psike forta kaj memfida homo.

Male mi, ekscitita de la stranga okazaĵo, eĉ ne povis pensi pri dormo. Mi provis restarigi la tutan scenon kaj revoki en la memoron plej etajn detalojn, analizante ilin, por fari racian konkludon pri la subita sonhalucino de mia

kunvojaĝanto. Jes, mi difinis tion halucino, kvankam unue mi opiniis, ke eble jamsento obsedis la viron subite, kaj nur ĝi kulpas, ke li misaŭdis mian rusan parolon. Sed en iu libro mi legis, ke la jamsenton, kiun spertas tre multaj homoj, ne eblas estigi intence, ke ekzistas pluraj teorioj kaj hipotezoj, per kiuj oni klopodas klarigi ĉi tiun misteran fenomenon. Eble Eŭgenon ne vere obsedis deĵavuo, sed iu nevidebla ŝaltilo subite metis lin en la psikan staton, revekintan en lia memoro detalojn jam delonge forgesitajn, kaj mi suspektas, ke ĉi tiu ŝaltilo estis Esperanta libro. Kiam li ekvidis ĝin en mia mano, precize tiumomente li ekaŭdis min paroli en Esperanto. Alian eksplikon de ĉi tiu enigma intrigo mi ne trovis. Sed kroman malkoheraĵon pliigis la konfeso de Eŭgeno, ke li neniam antaŭe vidis librojn en Esperanto. Mistiko...

La senfina svarmado de pensoj, rezonoj kaj ideoj ne multe klarigis la aferon kaj lacigis min ĝis tia grado, ke ankaŭ mi, ĉirkaŭita de la kupea mallumo, ekdormis. Frumatene mi preterdormis la alvenon de la trajno en Tobolskon kaj eĉ ne aŭdis laŭtajn radfrapojn sur la fera pontego super Irtiŝo, kiu vaste cirkaŭfluas la urbon. Min tiris el la dormo nur por momento la mallaŭta diskreta klako de la kajuta pordo post la senbrue foriranta kunvojaĝanto, kiu ne volis ĝeni min tiel frue, eĉ ne ŝaltis lampon kaj estis akurate singarda pri ordigo de siaj havaĵoj. Denove mi solis en la kupeo. Mi kuŝis plu kun la fermitaj okuloj kaj en la duondormo sonĝis trudan daŭrigon de nia vespera interparolo kaj sonĝis Eŭgenon, kiu ŝovis en mian manon tekulereton, devigante min kelkfoje ripeti la frazon: – Mi prenas la ku-le-re-ton! Definitive mi vekiĝis aŭdinte min mem voĉe silabi ĉi tiun tedan vorton en Esperanto.

– Uf! Sufiĉas! Troe mi emociiĝis dum ĉi tiu vojaĝo. Mi faru paŭzon!

Trans la fenestro en febla aŭrora lumo jam vidiĝis siluetoj de arboj en ŝika kristalblanka prujna dekoro, vastaj neĝaj kampoj sternis sin ĝis la horizonto, dronanta en frosta brumo. Post kelkaj horoj la trajno venigos min hejmen. La superba ekstera bildo, la multaj travivaĵoj de la lastaj tagoj kaj la konversacia kurioza eksceso konfrontis en mia imago, senteble iritis kaj tro multe pensigis min pri ĉio okazinta al mi.

Sur la tableto apud la libro mi trovis vizitkarteton. Eŭgeno lasis ĝin antaŭ sia foriro, skribinte sur ĝi la ruslingvan frazon: "Mi dankas vin por la interesa konversacio!" La karteto komunikis retadresojn kaj telefonnumerojn, kaj ili ŝajne klare aludis inviton al pluaj kontaktoj, kaj mi sciis, ke post la reveno hejmen mi nepre telefonos al li, almenaŭ por informiĝi, ĉu lia halucino daŭre efikas kaj ĉu li denove aŭdos min paroli Esperante. Kaj mi intencis lin prove alparoli en Esperanto, kredante, ke ne mistiko agordis mian vojaĝkompanon subite percepti Esperantajn sonojn, sed li mem senintence kaj subkonscie revivigis iamajn spertojn el sia infaneco, kaj ke lia infana memoro kapabligos lin respondi miajn ĉu-demandojn. Mi daŭrigu la eksperimenton, ĉu?

***Aprilo 2016***

Bedaŭrinde, nin forlasis jam multaj SEJM-aktivuloj. Rimarkinda perdo el inter membroj de Barnaula E-klubo estas Viktor Ĉaldajev.

Vitja venis al la unua mia E-kurso, rapide ekposedis la lingvon, kaj Esperanto fariĝis la plej grava elemento en la vivo de tiu laborista junulo. Li eĉ komencis versi en Esperanto, kaj en Sverdlovsk (nuna Jekaterinburg) ĉe la revuo «La Ondo de Esperanto» aperis malgranda broŝuro kun liaj versaĵoj. Multaj versaĵoj restis nepublikigitaj kaj jam perditaj. Ĉe mi konserviĝis nur unu lia letero kun kelkaj versaĵoj, kiujn mi proponas por REGo.

Viktoro loĝis sola. La E-klubo en Barnaul jam delonge ne funkcias[1], reciprokaj vizitoj estis tre maloftaj. Kiam oni venis al li, la najbaroj diris, ke Viktoro mortis antaŭ jaro, fine de 2015.

Adiaŭ, Vitja, pardonu, ke viaj E-amikoj ne adiaŭis vin...

***Anatolo Gonĉarov (Brjansk)***

---

## *Viktor Ĉaldajev* *(Barnaul)*

### Novjare

*Al K.A.J.*

Ĉu pro ĝentila sent'
en ĉi hejmeca varm'
mi levas vinkalikojn por Novjaro?..
Kaj kun amik' per akra demandar'
atakas samtempulon de la caro!?.

Sed l' orordena kavalir', al jundelir',
responde nin ne punis tro rigore,
kaj iam post noktomez',
al ĉi disput' favore,
ĉampano venkis nin –
jen estis la elir'!..

### Tabloteniso

Dum ĉiuj estroj en klub' forestas
en gaj' kaj facilo ni kune restas.
Do, vivu liber' kun flat' kaj glato,
globet' pelata kaj krokodilado!

---

[1] Tamen, kiam mi fojfoje venas al Barnaul, ĉirkaŭ dek eksaj klubanoj kunvenas kaj plezure interparolas en Esperanto. Sed: forestas gvidanto – forestas la klubo, same kiel ĉie.

## Plorenigmo

*Al V.J.Ĵ.*

Ne estas ega pen',
por la kompren':
pro kio ploras vi.
Enigmo estas en alio:
se kune ploru ni,
do tiam
ĉu plu okazos vera tragedi'?..

***

Mi, eble, ofte krudridigas
al la vivo,
ĉirkaŭanta min,
kaj en la fin'
estiĝas mi l' ruin'...

Tamen en tiu ĉi mond'
mi ne forpasos...
Mi – l' mont' per rok'
al vi rikane
basos!..

## Al S.A.A.

Viaj vortoj sonis bone,
kvankam juno eksas jam...
Sed ĉu eblas...
min pardonu...
en "la sepdek" vera am'?!

***

Ŝajnas, ke en mia vivo
ne multon mi faris...
Pro kio do ĉe la tempioj
oni min per la arĝent' regalis?..

***

Min amuze tiklas muzoj –
en palpia agoni'
ridoĝemoj, plorrifuzoj

min priverŝas el neni'...

Miaj karaj tiklulinoj,
estu do sufiĉe,
ĉar pro tio ĉi finfine
eblas freneziĝi...

## La lasta leciono

*al Anatolo*

Redonis
la moment'
junaĝon
kvazaŭ...
Ne estu
dir',
ke pasis
longe
jaroj...
Ni lasu
nin
ripeti
simplajn
frazojn
plej karajn...

Sed morgaŭ
vi
forlasos
l' urbon,
l' familion,
amikojn...
restu
memor'...
Kaj ĉu
ripetos sin
almenaŭ
iam
ĉi jun'
en kor'?..

## Dum suno por ni lumas

Dum suno por ni lumas,
estu ĝojaj –
kun juna sent'
kaj bona kant'.
Kaj ĉiam revu ni
pri novaj vojoj
dum la ripozo ĉe vojrand'.
Kaj vojoj, kiuj gvidas
al reveno
ja estu plenaj
da rememor'.
Do streĉu ni pli firme
la rimenojn!
Kaj for! Ni – for!

*Omaĝe al la 150-jara naskiĝdato kaj la 75-jara mortodato de la poeto*

# Konstantin Balmont

*teksto kaj tradukoj de Ludmila Novikova*



*La eminenta rusa poeto Konstantin Dmitrijeviĉ Balmont naskiĝis la 3-an (15-an) de junio de 1867 en la vilaĝo Gumniŝĉe (Ŝuja distrikto de la Vladimira provinco) en familio de nobelo; mortis li la 23-an de decembro 1942 en la komunumo Noisy-le-Grand apud Parizo.*

La historion de la rusa literaturo Konstantin Balmont eniris kiel unu el la plej elstaraj reprezentantoj de la unua generacio de poetoj-simbolistoj. En liaj versaĵoj ni trovas la plej karakterizajn trajtojn de la simbolismo: kulton de Egoo, kosmismon, mistikismon, efemerecon de bildoj kaj sentoj. La poeton logis ne la reala objekto mem, sed propraj sensoj kaj impresoj, elvokitaj de tiu objekto – tion oni nomas impresionismo de la poetiko de Balmont.

Kiel bazon de la liriko Balmont komprenis «magion de vortoj»: ensorĉan fluon de sonaj kaj vortaj interplektoj, pro kio ofte aperas impreso de improvizado.

Balmont faris gravan kontribuon al teknika pliperfektigo de la rusa versarto. Li majstrece uzis diversajn son- kaj vortfigurojn, leksikajn kaj sintaksajn ripetojn. Lia poezio impresas ne tiom per la senco, kiom per sia ĉarma muzikeco.

La kreado de Balmont influis multajn poetojn de la tiel nomata Arĝenta Epoko de la rusa poezio.

### Чёлн томленья

*Князю А.И. Урусову*

Вечер. Взморье. Вздохи ветра.
Величавый возглас волн.
Близко буря. В берег бьётся
Чуждый чарам чёрный чёлн.

Чуждый чистым чарам счастья,
Чёлн томленья, чёлн тревог,
Бросил берег, бьётся с бурей,
Ищет светлых снов чертог.

### Boato de angoro

*Al la princo A.I. Urusov*

Vel'. Vespero. Veo venta.
Vola voĉ' de volva ond'.
Ĉeas ŝtormo. Ĉesas ĉarmo.
Batas velboat' je bord'.

Ĉesis ĉasi ĉastan ĉarmon
La boato de angor',
Lasis bordon, boras ŝtormon,
Serĉas sorĉon en mar-for',

Мчится взморьем, мчится морем,
Отдаваясь воле волн.
Месяц матовый взирает,
Месяц горькой грусти полн.

Умер вечер. Ночь чернеет.
Ропщет море. Мрак растёт.
Чёлн томленья тьмой охвачен.
Буря воет в бездне волн.

*1894*

Luvas mare, luvas rave,
Obeante al ondar'.
Luno lume observumas,
Luno plenas de amar'.

For vespero. Nokto nigras.
Maro grumblas, rulas sin.
La boato enobskuras.
Ŝtormo siblas en mar-sin'.

*(2017)*

## Зарождающаяся жизнь. Сонет

Еще последний снег в долине мглистой
На светлый лик весны бросает тень,
Но уж цветёт душистая сирень,
И барвинок, и ландыш серебристый.

Как кроток и отраден день лучистый,
И как приветна ив прибрежных сень.
Как будто ожил даже мшистый пень,
Склонясь к воде, бестрепетной и чистой.

Кукушки нежный плач в глуши лесной
Звучит мольбой тоскующей и странной.
Как весело, как горестно весной, –

Как мир хорош в своей красе нежданной,
Контрастов мир, с улыбкой неземной,
Загадочный под дымкою туманной.

*1894*

## Ekĝermanta vivo. Soneto

Ankoraŭ lasta neĝ' en sombro vala
Ombrigas helvizaĝon de l' printemp',
Sed por siring' aroma venis temp',
Disfloris jam arĝenta flor' konvala.

Humilas kaj ĝojplenas tag' kristala,
Salik' ĉe l' bord' salutas per la trem'.
Eĉ ŝtip' muskoza por freŝiga tremp'
Kliniĝis al la akvo pura, kalma.

En la arbar' tenera kukolplor'
Dissonas kiel peto strange rita.
Printempe jen gajsento, jen angor', –

La mondo ravas per la bel' subita,
Kontrasta mond' kun la ridet-aŭror'
Enigmas, per nebulo vualita.

*(2017)*

## Грусть

Внемля ветру, тополь гнётся, с неба дождь осенний льётся,
Надо мною раздаётся мерный стук часов стенных;
Мне никто не улыбнётся, и тревожно сердце бьётся,
И из уст невольно рвётся

## Tristo

Vento poplon suben klinas, la aŭtuna pluv' senfinas,
Super mi ĥorloĝ' rutinas elbatante horon pli;
Kaj neniu min proksimas, pro angor' la kor' lancinas,
Kaj la buŝ' moroze rimas versojn

монотонный грустный стих;
И как тихий дальний топот, за окном я слышу ропот,
Непонятный странный шёпот – шёпот капель дождевых.

Отчего так ветру скучно? Плачет, ноет он докучно, –
И в ответ ему стозвучно капли бьются и бегут;
Я внемлю, мне так же скучно, грусть со мною неразлучна,
Равномерно, однозвучно рифмы стройные текут;
В эту пору непогоды, под унылый плач Природы,
Дни, мгновенья, точно годы – годы медленно идут.

*1894*

de l’ poema kri’;
Kiel distajn frapojn kurajn aŭdas sonojn mi murmurajn,
Sonojn strange senkonturajn – plendan flustron de pluvstri’.

Vent’ enuas tiufone, ploras, ĝemas monotone, –
Kaj responde multesone frapas gutoj – pluva plor’;
Mi enuas unisone, trist’ obsedas min fantome,
Egalritme, unusone rimoj fluas el la kor’;
En sezono tristsatura sub la splena plor’ Natura
Horoj, tagoj, jaroj pluraj – ĉio lante pasas for.

*(2017)*

## Я мечтою ловил уходящие тени…

Я мечтою ловил уходящие тени,
Уходящие тени погасавшего дня,
Я на башню всходил, и дрожали ступени,
И дрожали ступени под ногой у меня.

И чем выше я шёл, тем ясней рисовались,
Тем ясней рисовались очертанья вдали,
И какие-то звуки вдали раздавались,
Вкруг меня раздавались от Небес и Земли.

Чем я выше всходил, тем светлее сверкали,
Тем светлее сверкали выси дремлющих гор,
И сияньем прощальным как будто

## Mi kaptadis per rev’ ombrojn de la figuroj...

Mi kaptadis per rev’ ombrojn de la figuroj,
Ombrojn de la figuroj en krepuska malklar’,
Paŝis sor mi en tur’, tremigante per kruroj,
Tremigante per kruroj platojn de la ŝtupar’.

Ju pli sor paŝis mi, des pli klare aperis,
Des pli klare aperis de l’ figuroj ekster’,
Kaj la svaga sonsvarmo en for’ efemeris,
Ĉirkaŭ mi efemeris de l’ Ĉiel’ kaj de l’ Ter’.

Ju pli sor paŝis mi, des pli helreliefis,
Des pli helreliefis dormetanta montĉen’,

ласкали,
Словно нежно ласкали отуманенный
взор.

И внизу подо мною уж ночь
наступила,
Уже ночь наступила для уснувшей
Земли,
Для меня же блистало дневное
светило,
Огневое светило догорало вдали.

Я узнал, как ловить уходящие тени,
Уходящие тени потускневшего дня,
И всё выше я шёл, и дрожали
ступени,
И дрожали ступени под ногой у меня.

*1895*

Kaj per lasta brilado ĝi kvazaŭ karesis,
Delikate karesis la okulojn en sven'.

Kaj malsupre sub mi venis
nokta trankvilo,
Venis nokta trankvilo por dormanta
jam Ter',
Sed por mi same brilis la taga lumilo,
La flamanta lumilo antaŭ la malaper'.

Scias kapti mi jam ombrojn
de la figuroj,
Ombrojn de la figuroj en krepuska
malklar',
Kaj pli sor paŝis mi, tremigante
per kruroj,
Tremigante per kruroj platojn
de la ŝtupar'.

*(2016)*

## Я вольный ветер, я вечно вею

Я вольный ветер, я вечно вею,
Волную волны, ласкаю ивы,
В ветвях вздыхаю, вздохнув, немею,
Лелею травы, лелею нивы.

Весною светлой, как вестник мая,
Целую ландыш, в мечту влюблённый,
И внемлет ветру Лазурь немая,
Я вею, млею, воздушный, сонный.

В любви неверный, расту циклоном,
Взметаю тучи, взрываю Море,
Промчусь в равнинах протяжным
стоном,
И гром проснётся в немом просторе.

Но, снова легкий, всегда счастливый,
Нежней, чем фея ласкает фею,
Я льну к деревьям, дышу над нивой
И, вечно вольный, забвеньем вею.

*1897*

## Mi, vent' libera, eterne blovas

Mi, vent' libera, eterne blovas,
Huligas ondojn, ŝipvelojn hisas,
Salikajn branĉojn suspire movas,
Dorlotas herbojn, grenkampojn kisas.

Dum hel' printempa mi, signo maja,
Konvalon kisas, al rev' emanta,
Kaj min adoras Lazuro gaja,
Mi ŝvebas, svenas, leĝera, lanta.

Perfida ame mi, jam ciklona,
Ektaŭzas nubojn, ekkirlas Maron,
En valoj turbas kun ĝem' longsona,
Vekante tondran tempest-fanfaron.

Sed jen denove mi flirt-zefiras,
Pli tenerema ol la feinoj,
Karesas arbojn, al kampoj spiras
Kaj blovas ĉiam per halucinoj.

*(2017)*

## Воспоминание о вечере в Амстердаме
### *Медленные строки*

О, тихий Амстердам,
С певучим перезвоном
Старинных колоколен!
Зачем я здесь, – не там,
Зачем уйти не волен,
О, тихий Амстердам,
К твоим церковным звонам,
К твоим, как бы усталым,
К твоим, как бы затонам,
Загрезившим каналам,
С безжизненным их лоном,
С закатом запоздалым,
И ласковым, и алым,
Горящим здесь и там,
По этим сонным водам,
По сумрачным мостам,
По окнам и по сводам
Домов и колоколен,
Где, преданный мечтам,
Какой-то призрак болен,
Упрёк сдержать не волен,
Тоскует с долгим стоном,
И вечным перезвоном
Поёт и здесь и там…
О, тихий Амстердам!
О, тихий Амстердам!

*1899*

## Rememoro pri la vespero en Amsterdamo
### *Lantaj versoj*

Ho, lanta Amsterdam’,
Antikvaj kariljonoj
Kun melodiaj sonoj!
Mi ne tieas jam,
Ne venos plu – pardonu,
Ho, lanta Amsterdam’,
Al viaj sonorsonoj,
Al viaj kvazaŭ aloj
De kvazaŭ lace dronaj
En reva sonĝ’ kanaloj,
Kun sinoj mortotonaj,
Kun sunsubir-finaloj,
Skarlataj kaj fatalaj –
Brulanta panoram’ –
Sur la dormantaj akvoj,
Sur malserena fram’,
Sur volboj kaj sur arkoj
De turoj kaj de domoj,
Kie pro rev-inflam’
Suferas la fantomoj
Riproĉe al la homoj,
Kaj ties ĝem-admonoj
Per mornaj kariljonoj
Aŭdiĝas ĉie jam…
Ho, lanta Amsterdam’!
Ho, hanta Amsterdam’!
Holanda Amsterdam’!

*(2008, 2017)*

## Черёмуха

*Княжне М.С. Урусовой*

Черёмухой душистой с тобой опьянены,
Мы вдруг забыли утро и вдруг вступили в сны.

## Paduso

*Al la princidino M.S. Urusova*

Pro la padus’ aroma ni estis en ebri’,
Forgesis pri l’ mateno kaj sonĝen falis ni.

И утро превратилось в моря без берегов,
Моря плавучих тучек, ветвей, кустов,
цветов.

Цветы, деревья, травы, и травы,
и цветы,
Моря цветов и красок, любовь,
и я, и ты.

Лицо к лицу склонивши и руку
в руку взяв,
Мы вдруг прониклись счастьем легко
дрожащих трав.

Безмерным светом солнце светило
с высоты,
И было изумленье, восторг, и я, и ты.

В нас царствовала Вечность, в нас был
короткий час,
И утро вырастало для нас, для нас,
для нас.

Мы были два сиянья, два призрака
весны,
Черёмухой душистой подсказанные
сны.

*1903*

Kaj la maten' ŝanĝiĝis je la senborda
mar',
Je mar' kun flos' de floroj, arbedoj
kaj nubar'.

Arbedoj, branĉoj, floroj kaj herboj –
verda stri',
La maro de koloroj, la am', kaj mi,
kaj vi.

Vizaĝo al vizaĝo kaj mano en la man'
Eksentis ni feliĉon de tremetanta kan'.

Senlima lum' de l' suno briladis nur
por ni,
Kaj estis admirado, mireg', kaj mi,
kaj vi.

Nin regis la Eterno kaj kurta
temp-lini',
Kaj la maten' emerĝis por ni, por ni,
por ni.

Ni estis du trembriloj, vizioj
de l' printemp',
Pro la padus' aroma dronintaj
en sonĝ-tremp'.

*(2016)*

## Я в этот мир пришёл, чтоб видеть Солнце

Я в этот мир пришёл, чтоб видеть Солнце
И синий кругозор.
Я в этот мир пришёл, чтоб видеть Солнце
И выси гор.

Я в этот мир пришёл, чтоб видеть море
И пышный цвет долин.
Я заключил миры в едином взоре,
Я властелин.

## Mi venis al la mond' por vidi Sunon

Mi venis al la mond' por vidi Sunon
Kun blua horizont'.
Mi venis al la mond' por vidi Sunon
Kun alt' de l' mont'.

Mi venis al la mond' por vidi maron
Kaj florojn de l' eben'.
Mi prenis per rigardo la astraron,
Mi – suveren'.

Я победил холодное забвенье,
Создав мечту мою.
Я каждый миг исполнен откровенья,
Всегда пою.

Мою мечту страданья пробудили,
Но я любим за то.
Кто равен мне в моей певучей силе?
Никто, никто.

Я в этот мир пришёл, чтоб видеть Солнце,
А если день погас,
Я буду петь… Я буду петь о Солнце
В предсмертный час!

*1903*

## Безглагольность

Есть в русской природе усталая нежность,
Безмолвная боль затаённой печали,
Безвыходность горя, безгласность, безбрежность,
Холодная высь, уходящие дали.

Приди на рассвете на склон косогора, –
Над зябкой рекою дымится прохлада,
Чернеет громада застывшего бора,
И сердцу так больно, и сердце не радо.

Недвижный камыш. Не трепещет осока.
Глубокая тишь. Безглагольность покоя.
Луга убегают далёко-далёко.
Во всем утомленье, глухое, немое.

Войди на закате, как в свежие волны,
В прохладную глушь деревенского сада, –
Деревья так сумрачно-странно-

Mi venkis sombron de forges-glacio
Per rev-kread’.
Mi ĉiam plenas de revelacio
En mia kant’.

Sufero vekis mian revon hantan,
Pro ĝi amatas mi.
Kio egalas mian forton kantan?
Neni’, neni’.

Mi venis al la mond’ por vidi Sunon.
Se ĝin englutos for’,
Kantados mi... Kantados mi pri Suno
Ĉe l’ morta hor’!

*(2016)*

## Senparolo

En rusa natur’ estas laca intimo,
Senvoĉa dolor’ de kaŝata angoro,
Sensolv’ de malĝojo, senbruo, senlimo,
Malvarma altec’, infinito de foro.

Matene alvenu al kruta deklivo, –
Rivero malvarma per freŝo vaporas,
Jen dorma pinaro – nigranta masivo.
La koro malĝojas, la koro doloras.

Senmova kanaro. Karekso ne tremas.
Profunda silent’. Senparolo trankvila.
La randoj herbejaj en foro ekstremas.
En ĉio langvoro obtuza, humila.

Vespere vilaĝa ĝardeno vin tentas,
Eniri en freŝan profundon altiras, –
La arboj strangece en sombro silentas.

безмолвны,
И сердцу так грустно, и сердце не радо.

Как будто душа о желанном просила,
И сделали ей незаслуженно больно.
И сердце простило, но сердце застыло,
И плачет, и плачет, и плачет невольно.

*1903*

La koro malĝojas, la koro sopiras.

Simile, ke l' kor' deziraton avidis,
Sed oni rifuzis al ĝi malkonsole.
La koro pardonis, sed ĝi ekrigidis,
Kaj ploras ĝi, ploras ĝi, ploras
nevole.

*(2017)*

## Весь – весна

«Мой милый!» – ты сказала мне:
Зачем в душевной глубине
Ты будишь бурные желанья?
Всё, что в тебе, влечет меня.
И вот в душе моей, звеня,
Растёт, растёт очарованье!..

Тебя люблю я столько лет,
И нежен я, и я поэт.
Так как же это, совершенство,
Что я тебя своей не звал,
Что я тебя не целовал,
Не задыхался от блаженства?

Скажи мне, счастье, почему?
Пойми: никак я не пойму,
Зачем мы стали у предела?
Зачем не хочешь ты любить,
Себя в восторге позабыть,
Отдать и душу мне и тело?

Пойми, о нежная мечта:
Я жизнь, я солнце, красота,
Я время сказкой зачарую,
Я в страсти звёзды создаю,
Я весь — весна, когда пою,
Я — светлый бог, когда целую!

*1921*

## Mi – primavero dum kantad'...

«Karulo!» vi alvokis min.
Por kio en l' anima sin'
Vi vekas flamon de deziro?
Vi tuta estas la allog',
Vi tuta estas amprovok',
Kaj kreskas en la kor' admiro!

Mi amas vin dum la etern',
Poet', plenplena de tener'.
Sed kial do, perfektulino,
Mi vin ne vokis «mia in'»,
Kial neniam kisis vin,
Ne anheladis pro l' fascino?

Klarigu pri la fenomen'!
Komprenu: mankas la kompren',
Kio haltigas nin, duopon?
Pro kio via amdevi',
Kial ne volas ĝui vi,
Al mi fordoni l' koron-korpon?

Komprenu, mia rev' kaj cel':
Mi estas viv', mi – sun', mi – bel',
Mi fabelsorĉos per rigardo,
Mi kreas stelojn en la ard'.
Mi – primavero dum kantad',
Mi – hela dio dum kisado!

*(2017)*

## *Tatjana Auderskaja (Ukrainio)*

### **Soneto pri kato**

Freneziĝas mondo senkompata,
Ĉie stres', malico kaj mizer',
La plimulto kruda kaj malsata,
Luksa viv' – nur por malgranda er'

De l' homar'. Senĉese ĝi trompata
Restas, kaj apenaŭ la esper'
Venas al animo malbeata,
Kie regas zorgoj kaj koler'.

Sed estas viv' alia apud hom'.
Kiam revenas li al sia dom',
Azilo kontraŭ ajna sortobato,

Renkontas lin kun amo kaj fidel'
Amik' sincera kun la vila fel' –
Fiera, nobla, eleganta KATO!

---

## *Klara Ilutoviĉ (Elektrostalj)*

### **Tri majaj koloroj**

Arboj, herboj, floroj
En printemp' imponas.
Kantojn de koloroj
Vigla maj' komponas.

Ĉerizarbojn vestas
Blankaj nuboj floraj.
Kvazaŭ ion festas
Elfoj korfavoraj.

Sube densas flave
Tusilagoj gajaj,
Ondetantaj rave
Sur herbaroj majaj.

Kantas eŭforio
Kaj vivbolo danka
De l' kolorotrio
Verda-flava-blanka.

Tri koloroj fluas
Ĝoje al okulo,
Kaj ĉielo bluas
Je la majgratulo.

## Kelkaj bildoj

1.
Herbo kuŝas ĉu verda, ĉu flava:
Leontodoj ĝin kovras abunde.
La okulojn la bildo plej rava
Je fabelo impresas profunde.

Mi rigardas al la floramaso.
En ĉiel' super ter' ĝojo bluas.
Kial pensoj pri la tempopaso
Tra la gaja pejzaĝo alfluas?..

2.
Teneraj nuboj rozkoloraj
Salutas verve la okulojn.
Japanaj arboj mildaŭroraj
Donacas siajn florgratulojn.

Sur nova, jam kutima tero
La arboj-gastoj varmon gloras
Per kvazaŭ la ĝojplena kvero.
Sakuro floras.

3.
Lum' surverŝas la matenon
Je l' saluta vivjubil'.
Arboj ĝuas la alvenon
De novgraca juna bril'.

Kiel estas do malfrue!
Longa dormo – ve, malbon'!
Jam senhome, jam senbrue!.. –
Nur la kvara kaj duon'.

4.
Kelkajn minutojn pluvegis
En la subita malhel'.
Akvoamas' fale regis.
Frapis hajlera martel'.

Ĉesis pluveg' samsubite,
Cedis al suna seren',
Kaj foliar' tralavite
Brilas je l' gaja vivplen'.

5.
Sen rigoraj vivobridoj
En matena herbaromo
Du, jen kvar, jam ses katidoj
Ludas vigle ĉe la domo.

Al la koro ĉarme fluas
La vivem', glorante l' nunon.
Aro de l' bestetoj ĝuas
La karesan fruan sunon.

6.
En la ekjuni' subite
Neĝo kvazaŭ vintre falas
Kaj de ie alblovite
Pri la dens' kun pluv' rivalas.

Nube, sune, malserene;
Pluvas, neĝas, uraganas.
Iu diris plej konvene:
La vetero huliganas.

# *Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin)*

*   *   *

Kio do estas poezio
en nia morna mezepoko?
Ĉu flustrokrio, penta voko,
ploret' ebria, elizio?

Se la homar' baraktas pene
en oceano de malamo,
ĉu febla poezia flamo
scipovas pacon porti bene?

Mi dubas. Sed, dum hato venkas,
dum ni plu vivas mezepoke,
mi amajn versojn kreas por ke
la am' revenu. Ĉar mi verkas.

*   *   *

Ne enrampu mian vivon, sinjoroj,
ne kalkulu miajn mankojn en van', kaj
ne forgesu ĉe la agoj fetoraj,
ke nemultaj estas tute senmankaj.

Ne esploru mian vivon, sinjoroj,
nu, almenaŭ dum mi restas vivanta.
Fakular' prifeka kaj amatoroj
iru for el mond' mia kanta.

Kaj ne laŭdu mian vivon, sinjoroj,
tiuj, kiuj antaŭ jaroj ĝin mokis.
Oni scias ja, ke viaj esploroj
homojn eĉ la plej honestajn sufokis.

Antaŭ mort' l' arkivon mi ne bruligos,
eĉ se restos io por la kritikoj.
Ne prifekos min kaj ne idoligos
miaj karaj kaj honestaj amikoj.

Mi ĉeestas plu en mond' mia bela,

provas verki por animoj kaj koroj...
Kaj dum tiu ĉi ĉeest' malmodela
ne enrampu mian vivon, sinjoroj!

* * *

Ĉiu, kiun mi ofendis, pardonu, –
pardonemon ja instruis Jesuo.
Incitiĝon kaj koleron fordonu
kontraŭ ero de l' utila instruo,
kaj aliru min por paca brakumo,
kaj sincerajn vortojn trovu en koro,
kaj animo via plenos je lumo
de la amo, ne spertita ankoraŭ.

Ĉiu, kiu min perfidis, forgesu,
ĉar fojfoje ankaŭ mi forgesemas.
Plu perfido via vin ne opresu,
eĉ se pri reamikiĝo ne temas.
Nun forfalu griza ŝton' de l' perfido,
la animon pentan liberigante
por senzorga kaj senpeka ekrido,
ne veante do, nur amon vekante.

Ĉiu, kiun mi ekamis dum vivo,
etendita inter jaroj kaj jaroj,
pro l' junaĝo, nesperteco, naivo
kun stultetaj multpromesaj deklaroj,
sciu do, ke mia amo ne ĉesis
lezi min en la animo kaj koro,
nur vojetojn de l' iamo forgesis,
novajn padojn ne trovinte ankoraŭ,
ke dumvive nin reganta hazardo
rememorojn ja apenaŭ forigas,
ke fadenoj de l' iama ekardo
en la tempo galopanta nin ligas.

* * *

Plenigas mian tablon nur malnetoj,
kaj rimoj feblaj nevolonte gutas –
jen krea kriz'. Sonetoj – kalsonetoj
min daŭre ĉe l' verkado persekutas.

Ideoj freŝaj jam fiodoretas,
kaj pensoj nur apenaŭ pugon ŝirmas –
ja klaras, ke poeti mi ne pretas,
ĉar la inspiro mankas, aŭ ne firmas.

Sed vortoj en la koro tamen tintas
kaj mian cerbon tiklas incitante,
vekante paroksismojn de obstin',

kaj mi kolere plu malnetojn printas,
la vortojn tuŝas mia lango kante,
al la verkado plu spronante min.

## *La vivo*

Novjara aranĝo.
Rigard-interŝanĝo.
Subita stultiĝo.
Interkonatiĝo.
Parolo pri l' ŝato.
Tostad'. Bruderŝafto.
Invito. Hezito.
Anima kolito.

Bukedoj. Bombonoj.
Ofendoj. Pardonoj.
Promen'. Diskoteko.
Kunkuŝo. Kunveko.
Vojaĝo. Foiro.
Kverelo. Foriro.
Fejsbuko. Paciĝo.
Renkonto. Kuniĝo.

Ĝemeloj. Kredito.
Rutino. Kolito.
Riproĉoj. Tolero.
Disput'. Ekkolero.
Kokrad'. Reciproko.
Kunvivo. Kunmoko.
Dum jaroj la samo.
Ĉu amo?



# LA 8-AN FOJON – KER-EKZAMENO EN MOSKVO

La 10-an de junio en Moskvo la 8-an fojon okazis skriba KER-ekzameno. Jam la duan fojon ĝi pasis en la Centro de pedagogia majstreco (varm-memore kara por kelkaj partoprenantoj pro la Lingva Festivalo-2016 ĉi tie).

La 14 ekzamenatoj jene grupeblas laŭ la lingvoniveloj: B1 – 4 personoj, B2 – 2, C1 – 8. El la 10 moskvanoj 7 estis membroj de la Moskva Esperanta Asocio MASI. Ĉu vi divenos, kiun nivelon alfrontis la 12-jara aŭtodidakto kaj aktiva MASI-ano Pjotr Fedosov? Ĝuste – C1! Ĉi-foje, krom la grupo de moskvanoj, partoprenis ankaŭ kandidatoj el foraj lokoj: Kazanj, Niĵnij Novgorod, Usono (ĉiuj – C1) kaj Iĵevsk. El la laste menciita urbo speciale por la ekzameno venis novulino-memlernanto Tamara Ratanova, tre bone preparita, tamen ŝi elektis por si nur la nivelon B1.

La atmosfero dum la ekzameno, kiel kutime, estis hejmeca, trankvila kaj inspira. La homoj laboris tre diligente – kaj malgraŭ sufiĉe komplikaj taskoj eblas kredi, ke ĉiuj bone plenumis ilin.

Post liberiĝo de la intensa laboro ĉiun ekzameniton atendis teamo de filmistoj por kapti iliajn plej freŝajn impresojn pri la ekzameno. La homojn intervjuis Irina Gonĉarova kaj Estonta (Sofja Zareckaja), teknike helpis ĉiu emanto refoje travivi siajn kaj aliulajn ekzamenajn emociojn. Spektu la intervjuojn en la jutuba MASI-videaro “Esperanto: la unua kanalo”.

Specialan dankon pro la bone organizita aranĝo meritas Aleksandr Basov, kiu fervore solvadis ĉiujn organizajn taskojn de tiu ĉi sesio – de interkonsento pri la senpaga ejo kaj monkolektado ĝis regalaĵoj kaj necesa tekniko por la filmado.

Multajn sukcesojn al ĉiuj ekzamenitoj sincere deziras –

***Irina Gonĉarova***
***helporganizanto de KER-sesioj en Rusio***
***kunordiganto de MEA MASI, E-instruisto***



Dank' al afabla permeso de Boris Kolker ni prezentas al la legantoj de REGo **tri neniam publikigitajn poŝtkartojn de Zamenhof**. Jen kiun klarigon kunsendis Boris Grigorjeviĉ: *"Mi sendas al vi por publikigo en la jubilea numero de REGo 3 neniam publikigitajn poŝtkartojn de Zamenhof al A.A. Saĥarov. Iam profesoro Bokarjov aĉetis la arkivon de Saĥarov. Antaŭ 10 jaroj Ludmila Bokarjova (lia filino) faris por mi kopiojn de kelkaj arkivaĵoj. Inter ili estas tiuj 3 poŝtkartoj. Jen venis bonega okazo publikigi ilin!"*.




Dro L. ZAMENHOF
VARSOVIO
str. Dzika № 9.

Dro L. ZAMENHOF
VARSOVIO
str. Dzika № 9.

18/XII.

Kara Sinjoro!
Mi petas Vin, volu sendi je mia kalkulo unu ekzempleron esperanta (Andelo Jane) al Д. Е. Оксаковскій, г. Владивостокъ, Пушкинская 51, кв. 1.
Via Zamenhof

№ 5

Dro L. ZAMENHOF
VARSOVIO
str. Dzika № 9.

23/XI 06

Kara Sinjoro!
Mi sendis al Vi el Varsovio po 10 ekz. de la gramatiko kaj de la Universala Vortaro. La 10 ekz. de la Fundamenta krestomatio Vi ricevos post 4–5 tagoj rekte el Parizo.
Via Zamenhof

№ 1

№ 3